# GAŬĈA STELO



Gaŭĉa Esperanto - Asocio n-ro 25 – septembro / 2002


## Esperanto - lando

Ah , Fortalezo ! Senfina bluverda oceano borderita de senfinaj plaĝoj el ora sablo. Palmoj kaj aliaj ekzotaj arboj. Niaj altaj hoteloj en laŭoceana strato. Temperamenta, gaja amikiĝemaj, bonvolemaj brazilanoj. Ŝoforoj, zigzagantaj inter aŭtoj kaj mirakle sukcesantaj tuŝi neniun. Bazarego de manartaĵoj, mirinde malmultekostaj, kreitaj de lokaj lertuloj. Fiŝoj , fritataj por ni sur la oceana bordo. Ah, tropikaj fruktoj ! Ah, brazila kafo ! Ah brazilaj vinoj ! En kiu Universala Kongreso gejunuloj konsistigas trionon de la partoprenantaro ? En kiu Universala Kongreso oni povas vidi dekojn da knaboj kaj knabinoj , junuloj kaj junulinoj en verdaj ĉemizoj kun la kongresa emblemo, ĉiam pretaj por helpo? Kie troveblas tiom da entuziasmaj kaj idealismaj esperantistoj ? Kie lokaj esperantistoj salutas konatajn kaj ekkonatajn homojn per kiso kaj brakumo ? En kiu Universala Kongreso oni ne kontrolas kongresanecon antaŭ la vesperaj koncertoj tial ke ilin povas viziti tutajn familiojn, inkluzive grandaĝajn avinjojn kaj bebojn ? En kiu Esperanto-aranĝo eblas spekti dum koncerto spirhaltigan kaj dancigan karnavalon ? En kiu Universala Kongreso la publiko reagas al kantoj per aplaŭdegoj, aprobaj fajfoj kaj krioj kvazaŭ en futbala matĉo ? Kie gitarantaj kanzonistoj sukcesas kunkantigi milopan aŭskultantaron ? En Fortalezo, ĉi-jara ĉefurbo de Esperanto–lando. Neforgesebla Fortalezo. Neforgesebla Brazilo !



(Boris Kolker. Porĉiama fortalezano enanime)

## Kunfratiĝo

La12-an kaj 13-an de septembro nia prezidantino S-ino Hilda Pinto kaj nia konsilanto Olavo Faustino vizitis Pelotas kaj Rio Grande, kunfraterniĝante kun tieaj samideanoj, S-roj Gil Medeiros Beraldo ( Casa de Cultura de Pelotas), Manoel Torres Abreu, Carlos Augusto Oliveirta kaj Ivaldino S. Farias, prezidanto de Esperantista Societo de Rio Grande.

S-ro Carlos Kunde Filho, aktivulo en la urbo Pelotas, ĉiam ĉeestas en la plej gravaj eventoj de la esperanta movado.

## Esperanto Gaúcho

Ĉi-tiu disko estas la plej frua lanĉo de Gaŭĉo – Esperanto Asocio. La kompakta disko (KD) enhavas 15 muzikojn de la gaŭĉa kanzonaro, kun teksto esperantigita de Ivo Sanguinetti. Jam de longe li realigas pioniran laboron favore al disvolviĝo en la tradiciismaj medioj de Sud-Riogrando. Inter la muzikoj elstariĝas la legendaj kaj folkloraj, kiuj esprimas kun emocio la animon de la gaŭĉa popolo.

## Sistemoj pri komunikado

Por faciligi la komunikadon inter la homoj kaj la nacioj, multaj kodoj kaj sistemoj estis kreitaj, bazitaj sur la interkonsento kaj la logiko : Trafiksignaligo kaj uzo de la decimalaj unuecoj por la mezuroj de temperaturo ; la Brajla skribo por la blinduloj ; la sistemo Morso en la telergrafio ktp – fariĝas veraj "internaciaj idiomoj" kreitaj de la homa menso. Kial ne adopti ankaŭ komunan lingvon por la komunikiĝo inter la popoloj ?

**Popolo kiu ne kultas sian tradicion, estas popolo kiu mortas en ĉiu generacio.**

## Bestoj



| | |
|---|---|
| Akrohordo | - Serpento |
| Aligatoro | - Jacaré |
| Anakondo | - Gibóia |
| Angviso | - Cobra dágua |
| Aspido | - Cobra Naja |
| Bazilisto | - Lagarto |
| Boao | - gibóia |
| Bufo | - Sapo |
| Cerasto | - Serpento africana |

## Akademio de Esperanto

La celo de ĉi-tiu mesaĝo estas memorigi vin pri la ekzisto kaj bona funkciado de servo de la Akademio de Esperanto.

Temas pri la tiel nomata konsultejo. Se vi havas lingvan dubon, ne mem solvu ĝin.Antaŭ ol decidi pri la plej bona solvo por vi, demandu la Akademion per mesaĝo al la direktoro de la Konsultejo, Stefan Maul, < maul186150@aol.com > Akademianoj , kiuj kunlaboras kun la Konsultejo, rapide debatos la peton rete kaj vi ricevos respondon. La servo estis uzata dum la pasintaj jaroj en ĉi-tiu maniero ĉefe de esperantlingvaj ĵurnalistoj, kiuj troviĝis antaŭ la neceso nomi tre lastatempan aĵon aŭ aferon.. La servo, tamen funkcias antaŭ laŭ la tradicia maniero, per letero al : Stefan Maul , Pferseer , Str. 15, DE-86150 Augsburg, Germanujo.

**¿ habla Español ?**
Sprechen sie Deutsch ?
Parlez vous Français ?
Czy rozmawiacie Po Polsku ?
Parla Italiano ?
Do you speak English ?
Beszel Magyarul ?
Vorbiti Rumaneste?
Hovorite Ĉesky ?
**Ne, mi parolas Esperanton.**
**Tio sufiĉas !**

# Kreola Flamo

Ivo Sanguinetti

Ĉiujare dum la 13-a de septembro, okazas la translokiĝon de la " Kreola Flamo" (Chama Crioula ) al registara Palaco de Sud-Riogrando , unu semajno antaŭ la mermoriga dato de la " Farrapa Revolucio".



Pri la apero de la unua "Flamo", mi prenas la liberecon rakonti singularan kaj pitoreskan okazintaĵon, kiun mi trapasis.

Partopreninte en 1947 de la "Departamentoj de "Tradições Gaúchas" kaj Esperanto de la Kolegio dugrada "Julio de Castilhos", mi kaj kolego Rubens Xavier estis komisiitaj deĵori la tutan nokton. La noktomezon de tiu tago, staris granda homamaso ĉirkaŭe de la simbola "Brulejo de la Patrujo" en la "Farroupilha Parko".

Nia samklasano Paixão Côrtes, ĉevalirante kun du akompanantoj trairis la multegon kaj, kunportante lignan tenilon, ĉifone ŝnurigita kaj ŝmirita per kerozeno, rikoltas la fajran torĉon de sur la supro. ĵen eksonas la hufofrapadon de la ĉevaloj tra la avenuo"João Pessoa ". La "Kreola Flamo" daŭris flamigita en la Lernejo dum dektri tagoj kaj estis estingita dum la noktomezo de la 20-a de septembro. Post la foriro de la gaŭĉaro el "Julinho" ( karesa nomo de la kolegio), ĉirkaŭ la unua frumateno, la pordegoj de kolegio estis fermitaj per ŝlosiloj. Nur restis du personoj interne: mi kaj kolego Xavier. Nia grava misio estis gardi "Kreolan Flamon" ĝis la oka horo matene, kiam venos anstataŭigo. En la deĵora loko ni kaŭris sendormece, kaj malkonforte, sub ŝtuparo. – Ĉu mi parolis pri pitoreska epizodo ? ! Estas plibone difini ĝin kiel tragikomika... Okazis ke meze de la frumateno, proksime de la 5-a horo, mi atentis ke la flamo de la torĉo komencis tremlumeti, malalteti , ekmontrante ĝian intencon foriri. Ni reagis irante al ĉiuj anguloj de la lernejo traserĉante neprofiteblajn paperojn, ĉifonaĵojn, kaj kio ajn por konservado de la flamo vigla.Mia kolego havis la feliĉan ideon : dum mi klopodis prepari pecetojn da paperoj por ebligi la daŭrigon de la fajro tre ŝpareme, li eksaltis la kradojn de "Ĵulinho" kaj brueme vekadis la mercereajn mastrojn, najbare de la lernejo. Mi memoras ke mi preskaŭ konsideris finita nian, mision, meze de cindroj kaj fumoj, sed multe pligrandigis nian civitanan ardecon antaŭ la alveno de la kerozeno savanta, konservante la Flamon viva !.

## POPOLDIROJ

Dika kiel ŝraŭbo de tratoro
Antikva kiel antaŭen pisi
Algluitaj kiel iksodo sur taŭra testikoj
Facila kiel preni dolĉaĵon de infano
Akrega kiel trančilo de buĉisto
Facila kiel puŝadi ebriulon sur deklivon
Konata kiel preĝo "Patro Nia"
Kontenta kiel hundo de kuiristino.
Facila kiel furzi dum dormo
Embarasita kiel muŝo en araneaĵo
Fanfarona kiel dorlotita hundo
Freneza kiel dormeti sur reloj
Freneza kiel kokino prenita far la vosto

## Esperanto en Afriko

I.S,

Esperanto, iom post iom, komencas disvastiĝi en Afriko dank'al klopodoj de kelkaj malmulte da esperantistoj kaj al apogo de la Fondaĵo Afriko. Togolando kaj Tanzanio, Mosambiko kaj Sudafriko ricevis impulson de la sindona Singara Elisée. Unu el la plej malnovaj Esperanto-Asocioj de Afriko estis tiu nomata Demokratia Respubliko Konglando. Belgoj kaj francoj, dum la kolonia epoko plantis Esperanton kaj subtenis ĝin post la sendependencon. Kvarfoje okazis afrikaj kongresoj kun partopreno de eksterafrikanoj. La unua en Togolando (1990) , la dua en Benino (1991) la tria en Ganao (1994), kaj la kvara en Tanzanio ( 1995 ). De tiam la monrimedoj ne plu permesis ripeti tiajn kongresojn, kiuj estis ĉiuj deficitaj. En 1987venis13 afrikanojn al Varsovio Inter ili estis Alphonse Diatta, fondinto de Dakara Esperanto-Klubo Zamenhof. El Togolando venis Gheglokaffi, Aghemadon Mensah, Afantchao Yao kaj el Kamerunio Jean Mbele, el Malagasto : Raudoson Eugène kaj Rabevazaha Desirée.Dum la centjariĝo en Varsovio, mi kontaktis kun senegalano Alphonse Diatta kaj alavenante al Brazilo mi sciiĝis ke li estis tiu kiu instruis Esperanton al senegala amiko, D-ro Alfa Oumar Diallo loĝanta en P.Alegre. En Fortalezo mi trovis samideanon Abdoul Azziz Diallo, loĝanta en la urbo Irving, USA, Po Box 167 – 132 Tx 70516. Tri senegalaj esperantistoj kunfratiĝantaj en la sama idealo !

## Eventoj ĉe GEA

La 27-an de julio ĉi-jare nia Asocio efektivigis kvin gravajn eventojn , Nome :

- La dudekan datrevenon de sia fondo .
- Translokiĝon al la nova sidejo ( ĉambro nº l, 10-a etaĝo de konstruaĵo " Urubatan " ) pli komforta, grandspaca, kune al la antikva.
- Omaĝon al karmemora forpasinta prezidantino de GEA, Lucila D. Fernandes, kies nomo estis memorigata por nomigi nian ĉefan klasĉambron.
- Oficialan lanĉon de la kodisko "Esperanto Gaúcho" kun 15 gaŭĉaj muzikoj esperantigitaj de Ivo Sanguinetti.
- Ivo kompletis 55 jarojn je daŭra laboro por Esperanto, kaj tial li ricevis, per arĝenta kartono la jenan memoraĵon : " Niajn korajn dankojn pro via granda dediĉo al nia Esperanto-movado,Viaj gesamideanoj, el GEA. La 27-an de julio 2002 ".

## Venontaj forumoj

**Datoj de la venontaj Forumoj :**

19/22 januaro 2003 – Monda Forumo pri Edukado

23/28 januaro 2003 - Socia Forumo

"Popolo kiu ne konas sian historion kaj kulturon estas kiel arbo sen radikoj"